

# Esperantista Vegetarano 1998

Organo de TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO (TEVA)
Movado fondita en 1908 - Unua Honora Prezidanto L. N. Tolstoj -
Membro de IVU kaj kunlaboranta kun UEA

## Enhavo



**Redaktoroj:** William Simcock, Ejnar Hjorth, Mark Steinberg, Lilia Fabretto.

**Adreso:** TEVA - C.P. 5050 - IT - 00153 Roma, Italia.

*Kovrilo: Mediteranea insulo*

*Karaj gesamideanoj,*

per la LETERO de E/V n-ro 13/97, ni informis la Membrojn pri la pozitivaj iniciatoj de TEVA-anoj en diversaj landoj. En Britio vegetarismo estas nuntempe forta. La respondeculo de nia asocio en tiu lando s-ro William Simcock subtenas ekologiajn organizaĵojn, krom asociojn, kiuj respondecas por pli bona prizorgado de bestoj kaj kontraŭ krueleco; li ĉeestas kongresojn, kunlaboras kun gazetoj kaj tradukas tekstojn en nian lingvon. Bedaŭrinde malgraŭ la brila, klera, sindona aktiveco de pluraj Britaj Esperantistoj en tiu lando nia lingvo estas nun malpli uzata.

En la komenco de nia movado (vidu paĝon 2-a) vegetaranoj kaj Esperantistoj kunlaboris entuziasme kaj harmonie. Pro diversaj kialoj kaj precipe pro la altrudo de la angla lingvo, niaj movadoj poste malunuiĝis. Vegetaranoj nun remalkovris ke la interna ideo de niaj du movadoj similas. TEVA ricevis inviton de Eŭropa Vegetarana Unuiĝo (EVU) partopreni en 1999 la eŭropan vegetaranan kongreson en Widnau, Svislando. Bona artikolo pri TEVA aperis en "EVU-News", la organo de EVU, kaj artikoloj pri TEVA aperis ankaŭ en aliaj gazetoj. En la jaro 2000 la monda vegetarana kongreso okazos en Toronto, Kanado, kaj la loka asocio de Toronto, kiu gastos la kongreson mem, petis de ni informojn pri nia organizo, ĉar pluraj lingvoj estas parolataj en tiu lando, kaj ili deziras kontaktojn ankaŭ kun TEVA.

Nia aktuala programo estas: krom "vivu kaj lasu vivi", kiel la slogano de nia asocio citas, individue vivi ĉiutage kaj ĉiuokaze niajn ideojn je kiuj ni kredas, ĉar la vera motoro de movado estas la vivado de la ideoj; levi la nivelon de nia lingva sciado por pli bone disvastigi niajn ideojn; uzi konstante nian lingvon; simpligi la lernadon de ĝi al la interesatoj per pli modernaj, praktikaj, klaraj, simplaj instruaj iloj (la reklamileto "Esperanto Simple en 7 Lecionoj" en la itala, angla, rusa kaj slovena, estas je dispono de la Membroj interesataj al reklamado). Krome ni devas antaŭenigi produktadon de nutro-produktoj ne gene modifitaj, kaj kunlabori loke kaj internacie kun vegetaranaj kaj ekologiaj centroj por ricevi fruktojn kaj vegetaĵojn, kiuj estas laŭnature kaj senvenene kultivataj (vidu E/V-n 1997); ni devas daŭre propagandi niajn ideojn, kaj ĉiam sen trudo.

Ĉijare ni celebras la 90-an datrevenon de la fondiĝo de nia movado. Ni renkontas niajn Membrojn kaj amikojn, okaze de la Kunveno de TEVA kadre de la UK en Montpeliero. Pri niaj venontaj renkontiĝoj, ni informos vin per la LETERO de E/V.

*Ĉiam antaŭen!*



# Nia Movado festas 90 Jarojn!



En la somero de la jaro 1908 en Dresdeno (Dresden), Germanio, okazis la 4-a Universala Kongreso de Esperanto kaj samtempe kaj samloke okazis vegetarana kongreso. La jaro 1908 markis en la historio de la vegetarana kaj esperantista movadoj tri gravajn eventojn: la fondiĝo de Universala Esperanto Asocio (UEA) la 28-an de Aprilo en Genevo (Genève), Svislando, la fondiĝo en Dresdeno de "International Vegetarian Union" (IVU), kaj de Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj (IUEV). IUEV poste ŝanĝis la nomon al Vegetara Ligo Esperantista (VLE), kaj fine al Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA).

En la komenco, la oficiala Organo de la esperantista vegetarana movado estis "Vegetarano", kaj de la jaro 1927 ĝis la jaro 1932 "Vegetarano" estis samtempe oficiala organo de VLE kaj de la ne esperantista IVU; ĝi enhavis informojn pri vegetarismo en la mondo ankaŭ en la angla, franca kaj germana lingvoj; ĝia redaktoro estis Oscar Bünemann kaj la redaktejo estis en Hamburgo (Hamburg), Germanio.

Aktiva estis la kunlaborado inter la du movadoj. Al salutoj de VLE al Londona vegetara societo okaze de la internacia kongreso de vegetaranoj en Londono en 1926, la iama sekretario Frank Wyatt respondis: "*Mi tutkore dankas vin pro via afabla saluto transdonita al la membroj kaj amikoj de la Londona Vegetara Societo, kiuj kolektiĝis en la libertempa centrejo Bexhill-on-Sea. Via saluto estis legata al la kunestantoj, kaj la fervoro, kun kiu propono por same varma resaluto estis aklamata, bone evidentigis ilian ĝojon kaj komprenon de via saluto. Ni esperas ke la Vegetara Ligo Esperantista bone sukcesos en sia penado, por efektivigi pli fortan spiriton de frateco per la disvastigo de Esperanto kaj Vegetarismo. Ĉiu el tiuj du movadoj, laŭ sia propra maniero, helpas disvastigi la samajn grandajn principojn. Mi fidas, ke la proksima internacia vegetarana kongreso plene evidentigos al ĉiuj interesuloj, ke en sia celado la Esperantistoj kaj la Vegetaranoj estas esence unu. Kun sindonaj salutoj, via Frank Wyatt*".

S-ro Christopher Fettes, nuna Prezidanto de TEVA, estis antaŭ la fondiĝo en 1985 de "European Vegetarian Union" (EVU), Regiona Sekretario por Eŭropo de IVU. La nuna kasisto de TEVA S-ro William Parrott, estis dum pluraj jaroj kasisto de IVU.

Ofte oni petas de ni ĉu la iniciatinto de la Lingvo Internacia, Lejzer Zamenhof mem estis vegetarano. Laŭ la informoj, kiujn ni havas ĝis nun, ne ekzistas pruvo ke li estis vegetarano, aŭ ke li ne estis. Ni scias ke li estis simpatianta al vegetarismo. Lev. N. Tolstoj akceptis la honoran prezidantecon de la movado, kaj L. Zamenhof asertis ke li deziras egale aparteni al ĉiuj, ĉu viandomanĝantoj aŭ vegetaranoj, kaj fakte li deziris esti kaj resti ĉiam "simpla batalanto" en la movado. Administranto kaj animo de VLE estis Renè de Ladevèze.

Pro politikaj mondaj eventoj, pro la militoj, kiuj disigis gentojn, komunumojn kaj asociojn en multaj landoj, kaj fine pro la angla lingvo, kiu nedemokrate sin trudis, ankaŭ niaj du movadoj ĉesis kunlabori. Feliĉe reciproka intereso lastatempe revekiĝis.

De la malproksima jaro 1908, malgraŭ la gravaj malfacilaĵoj, nia asocio longe vojiris. Niaj temoj atingis homojn en pluraj landoj per la senĉesa, sindona agado de la TEVA-anoj.

La venontaj etapoj estas la jaro 2000, kaj nia jarcenta datreveno en 2008. Ni kunlaboros en la programo de la Kampanjo 2000, kiun UEA lanĉis; ĝi antaŭvidas la jenajn agocelojn: a) altigi la nivelon de la movado kaj de la komunumo, b) altigi la prestiĝon de Esperanto per informkampanjoj al neesperantistoj, c) altigi nian influon en internaciaj organizaĵoj, kiuj rekte aŭ ne rekte okupiĝas pri lingvoj. Kampanjo 2000 estas larĝskala, kaj ĉiu individue kaj ĉiuj fakaj grupoj povas efike kunlabori por atingi tiujn celojn, kiuj estas de ni ĉiuj. Por nia jarcenta datreveno nia tasko estas grava, kaj la programoj estas multaj.

Ĉu ni atingos la venontajn etapojn kun kontentiga sento pro nia sukcesa laboro?

# AKVO FREŜA, AKVO PURA

Eniĝi en freŝan, puran akvon estas renaskiĝo en unueco kun vivodona elemento. Tradicia enakviĝo estas komuna kun pluraj kulturoj religiaj kaj laikaj, kaj ĝi nin reirigas al la origino de nia vivo, al la protektanta akvo en nia patrina sino. Sed enakviĝo ne celas nur purigi nian korpon ekstere, aŭ spirite laŭ religiaj ritoj; ĝi okazas ankaŭ interne en nia korpo.

Nia korpo estas ĉirkaŭ okdek-procente akvo. La sango konsistas precipe el akvo, kiu portas la malgrandajn ruĝajn ĉelojn al ilia celstacio. Akvo estas pli grava ol manĝaĵo; la kvanto, kiun normala persono devus konsumi dum dudek kvar horoj, estas minimume unu litro kaj duono. Malmulto da akvo estas sorbata de stomako kaj de maldika intesto; granda kvanto estas sorbata en dika intesto kaj kojlo. Manĝaĵo donas multe da akvo al nia korpo: inter sesdek kaj naŭdek procento ĉirkaŭ; sed kiam ni kuiras la manĝaĵon, ĝi iĝas pli solida kaj koncentrita.

Kiom da akvo ni devas trinki? Ni estas dotitaj per natura instinkto de soifo, kiu devus diri al ni kiom, kaj kiom ofte ni bezonas trinki. Tamen niaj nuntempaj civilizitaj viv-kutimoj kreis en ni perversan soifon kaj perversan apetiton. Tiu, kiu ŝarĝas sian korpon per ne organikaj substancoj, pezaj kondimentoj, pezaj proteinoj kaj koncentritaj manĝaĵoj, bezonas multe pli da akvo por porti ilin al sango kaj al la eliminaj organoj: ne malpli ol ses aŭ ok glasoj da akvo ĉiutage. Tamen se oni reiras al la ĝusta, vivmaniero - kiu ne estas "dieto" en la erara senco de la vorto nuntempe uzata, sed en la senco de sana vivmaniero (vidu artikolon en E/V-93 "Dieto, Medio, Vivmaniero"), vi konstatos ke via soifo revenos al natura instinkto, kiu diros al vi kiom da akvo vi bezonas.

La plej bona kaj pura akvo estas tiu, kiu alvenas de freŝaj fruktoj kaj legomoj. Tiu, kiu alvenas ekzemple de grapfrukto, estis filtrita plurfoje irante tra la fibroj de la radikoj, arba trunko kaj branĉoj, antaŭ ol fine alveni al frukto; kaj tiu purega, freŝa, potenca akvo portos al vi la plej bonan nutradon, kiu la korpo povas ricevi.

# Bonaj Novaĵoj

## el BRITIO

### Faktoj

En 1945, laŭ loka raporto, la nombro de vegetaranoj en Britio estis 100.000. Nun, la vegetaranoj en Britio estas 3.500.000, laŭ Gallŭp. La nombro duobliĝis en la lastaj dek jaroj. Preskaŭ 46% de la loĝantaro manĝas malpli da viando, precipe ruĝa, ol ili kutimis. La kialoj de la ŝanĝo de nutromaniero estas antaŭ ĉio pro best-amo kaj moralaj, kaj krome sanigaj kaj pro timo je sekvoj de best-malsanoj. Vegetarismo estas la plej rapide kreskanta nutraĵa tendenco en tiu lando, kun tre floranta merkato.

### Sojfaboj ne gene modifitaj

***Plamil Foods*** anoncas ke sojfaboj kaj ĉiuj vegetaĵoj, kiujn ili kreskigas en sufiĉe granda areo en suda Britio, devenas el semoj ne gene modifitaj. Oni povas aĉeti tiujn ĉi produktojn ĉe: *Plamil Foods, Bowles Well Gardens,* ***Folkestone, Kent CT19 6PG, Great Britain.***

### Rapida Kuirado

Sekaj manĝoj, kiam kuiritaj, ne ĉiam bongustas. Tamen la produktoj por rapida kuirado de ***Good Harvest*** estas tre bonkvalitaj; kaj oni povas aĉeti ilin ĉe ĉiuj memservaj vendejoj; ekzemple Mediteraneaj Vegetaĵoj kun Citrona Kuskuso, Anakardiaj Knelojn kun Abrikota Saŭco, kaj pliaj unupladaj manĝoj el ***Good Harvest*** estas tiel bongustaj kiel homfaritaj.

### Donu al mi 5

Gaja kaj informriĉa estas la kampanjo "***Give me 5***" (Donu al mi 5), kiun ***British Dietetic Association*** lanĉis por instigi Britojn manĝi almenaŭ 5 porciojn da fruktoj kaj vegetaĵoj ĉiutage. Per faktoj kaj ciferoj ili montras la sanigajn gajnojn de tiu ĉi elekto. Amuzaj pladprezentoj iĝas fruktojn kaj vegetaĵojn apetitvekaj ankaŭ al infanoj. Kuriozaĵoj, aktualaj sciencaj informoj kaj praktikaj sugestoj plezure vekas scivolecon pri nova kaj antikva nutro-elekto. Por pliaj informoj: ***The British Dietetic Associa-***

*tion, 7th Floor, Elizabeth House, 22 Suffolk Street, Queensway, Birmingham B11LS, Great Britain.*

### Gvid-broŝuroj

*VIVA !* eldonis du broŝurojn *The L. Plate Vegan* por veganoj kaj *The L. Plate Vegetarian* por vegetaranoj, kiuj estas ĉiutagaj helpiloj, kaj ili gvidas al bongustaj manĝaĵoj, haveblaj en urbaj kaj vilaĝvendejoj, kun informoj ankaŭ pri sano, nutrado, krom pri kosmetikaĵoj, ŝuoj, vestoj, ktp. La adreso de *VIVA!* estas: *12 Queen Square, Brighton BN11FD, Great Britain, Tel. 01273/777688.*

### Lukso sen Ledo

*Luxury Without Leather, PO Box 23, High Wycombe, Buckinghamshire HP13 7PL, Great Britain - Tel. 01494 539136,* produktas biletujojn, monujojn, sakojn, rimenojn neledaj. La celo de *LWL* estas oferti bonkvalitajn alternativojn al ledaj produktoj sen importi ilin el landoj, kie homaj kaj bestaj rajtoj ne estas respektataj kaj laboro estas ekspluata.

### Nacia Vegetarana Semajno

Ĉiujare dum nacia vegetarana semajno *(National Vegetarian Week)* oni povas ĝui tutlande eksposiciojn de produktoj, specimenoj, kuirarto, amuzoj, distraĵoj, ktp. Por informoj pri la festo, la adreso estas: **The Vegetarian Society - Parkdale, Dunham Road, Altrincham, Cheshire WA14 4QG, Great Britain.**

### *BBC Vegetarian*

La monata gazeto *BBC Vegetarian,* bela, kolora, tre riĉa je bongustaj pladoj, estas aĉetebla ĉe gazet-budoj, librovendejoj, en flughavenoj, aŭ ĉe: *BBC Vegetarian Good Food, PO Box 425, Woking, Surrey GU21 1GP, Great Britain, £1.75.*



# Bonaj Iniciatoj

## el ITALIO

Samideanino *Norina Barelli* el Triesto, Italio, uzas nian lingvon ĉiuokaze. Konstante ŝi disvastigas informmaterialon pri Esperanto ankaŭ dum manifestacioj, kunvenoj, renkontiĝoj favore al best-protektado. Krome, ŝiaj leteroj pri niaj aferoj ofte aperas en ĵurnaloj. Ŝi organizas renkontojn por montri la aktualajn, terurajn suferadojn de bestoj, al homoj, kiuj ŝajnas tion ignori. Frapas la kontraŭeco je homoj, kiuj asertas ke ili amas bestojn, kaj karese zorgas pri sia kato aŭ hundo, kaj samtempe akceptas kaj kontribuas al ĉiutaga, kruela amasbuĉado de bestoj cele al manĝado de iliaj kadavroj. Antaŭnelonge, por Organizo de Best-Protektado kaj Abolicio de Vivisekcio, samideanino *Barelli* organizis debaton pri "Intensa Bredado - Novaj Riskoj por Homoj kaj Bestoj", en kiu partoprenis kuracistoj, best-kuracistoj kaj prof-ino *Margherita Hack,* fama sciencistino pri astronom-fiziko, 75 jarojn aĝa kaj denaska vegetaranino.

### Intensa Bredado - Novaj Riskoj por Homoj kaj Bestoj

*Margherita Hack* prezentis la temon pri la malbono, kiun la homoj faras al la bestoj, kaj kiun la bestoj, bredataj per intensa bredado, faras al la homa sano. Intensa bredado estas neimagebla barbareco kontraŭ bestoj turmentitaj de naskiĝo en bredejoj, kie ili preskaŭ ne povas sin movi. Por paroli nur pri kokinoj, ili eĉ ne povas disfaldi siajn flugilojn; ili ne havas grundon sur kiu kuŝi, kaj ili devas kuŝi sur metalfadenoj. Sennombraj estas la best-suferadoj, kiuj malsanigas iliajn korpojn, kies karno/viando kaŭzas siavice sennombrajn hom-malsanojn. Kiel solvi la problemon kaj eviti la aktualajn, barbarajn best-suferadojn? La solvo estas unu sola: vegetarismo. Tamen pri tio ne ĉiuj konsentas, kaj ni do sugestas ke almenaŭ bredado reiru al pli viveblaj kondiĉoj, pli similaj al natura best-vivmaniero.

### Neta Rompo inter Scienco kaj Moralo

D-ro *Roberto Marchesini,* best-kuracisto, poste ekparolis kaj sin demandis: kien ajn malaperis

tiuj sciigoj pri etologio kaj evoluismo, kiuj dum la lasta jarcento revoluciis la sciigon pri best-karaktero? Lastatempaj etologiaj eltrovoj montris kiel bestoj estas sentemaj, kapablas suferi, havas scion pri sia propra sensado, konscion pri si mem, havas rilatojn kun samspecaj kaj alispecaj estaĵoj; ili kapablas amikiĝi, amiĝi, timiĝi, plezuriĝi. Aktualajn sciigojn pri bestoj ni lernas per sciencaj kaj prinaturaj studoj, verkoj, kulturfilmoj, televidaj kaj radiaj programoj, fotografaĵoj, ktp; tamen, ĉiuj tiuj informoj ne iĝas morala propraĵo de la homo. Kiam oni devas agi morale kaj konformigi leĝojn al etika sento, oni pensas ke bestoj estas aĵoj. En la aktuala homa socio ekzistas klara malsinsekvo, neta rompo inter la kampo preskriba, etika, kaj la kampo priskriba, sciiga. Unuaflanke, sekve de alte dokumentitaj sciencaj studoj, oni scias kiel bestoj sentas kaj suferas, kaj aliflanke la moralo zorgas pri la sekso de anĝeloj. Pri bestoj, la moralo rilatas ankoraŭ al la penso de la franca filozofo kaj iniciatinto de la metoda apliko de la racio, Kartezio (*Renè Descartes* - 1596-1650), kiu asertis: "krio de besto estas kiel bruo de maŝino". Sed tiu ĉi teorio apartenas al la pasinteco, ĉar Kartezio ne povis koni la tutan penson pri evoluo kaj la aktualajn nuntempajn eltrovojn pri etologio. Estas nekredeble ke la moralo de nia moderna socio estas senmove ankrita en teorio de antaŭ kvar jarcentoj. Surprizas nin kiamaniere la lern-disciplinoj moralaj kaj sciencaj malproksimiĝis pli kaj pli unu de la alia, kaj kiel la fakuloj pri sciado ne plu kongruas kun moralo.

### Nuntempa Societo estas for de Natura Realaĵo

El la disduiĝado inter humanisma scio kaj scienca scio naskiĝas la sensencaĵoj, kiujn ni vidas en la nuntempa mondo. Unu inter pluraj absurdaĵoj estas intensa bredado, kiu konsideras bestojn tute kiel komercajn aĵojn sen iu ajn atento al iliaj naturaj, bazaj karakteroj. Ne estas konsiderata la anatomio de estaĵoj, kiuj estas amasigitaj en mallarĝaj ujoj, kie ili eĉ ne povas disetendi la membrojn; ili ne povas fari la funkcian gimnastikon, tiujn movojn, kiuj estas bezonataj al ĉiuj estaĵoj por plifortigi la korpon. Oni suferas, se oni havas organaron, manon aŭ kruron, kiu estas tenata senmova. La fiziologio de la bestoj ne estas konsiderata. Ĉiuj scias ke estaĵo

estas strukturata por ricevi la koncernan nutraĵon, sed oni trudas al herbovora remaĉulo, kies speciala formo de stomako estas taŭga por herb-nutrado, iĝi karnomanĝa; pro tio, remaĉulo ne plu uzas siajn triantaŭstomakojn, kiujn netaŭga manĝaĵo preterpasas. Oni ne konsideras pri la natura bestnutra procedo, kiu daŭras de milionoj da jaroj, kaj nun abrupte oni ŝanĝas ĝin. Oni ne konsideras la realaĵon ĉirkaŭan, kaj oni perfortas la karakteron de la besto. Ĉiuj konas la sekvojn de kontraŭnatura bestnutrado, kiu portis al Bovina Spongoforma Encefalopatio kaj al la homa malsano nomata "*Creutzfeldt Jakob*". Ne estas Naturo, kiu sin revenĝas - kiel iu asertas - pro daŭra rabado kaj misuzado fare de la homo. Naturo ne sin revenĝas. Bovina Spongoforma Encefalopatio kaj la homa malsano "*Creutzfeldt Jakob*" estas simpla rezulto de la stultaĵo de homo, kiu ne konsideras la sekvojn de siaj propraj agadoj. Estas aroganteco de homo, kiu kredas sin kaplabla krei sian propran realaĵon, kaj li ne vidas la malbonon, kiun li kreas kaj kiu kontraŭ li sinsekve turniĝas. - Mi estas bestkuracisto de longa tempo - asertas *Marchesini* - kaj mi bone konas la malfacilaĵojn de bestsituacioj, sed, kredu min, tio, kion mi vidis en intensaj bredujoj estas nerakontebla. Neniu povas imagi la suferadon, kiu estas preter la muro de bredujoj. Tiu muro tute apartigas la bestojn de la publika opinio, de la cetero de la aliestaĵoj, kiuj preferas nenion scii pri la tuta afero kaj kredi ke vianddetranĉaĵoj kreskas sur arboj kaj estas belaspekta produkto de homa teknologio. Viando el intensa bredado estas produkto de terura suferado. Se tion ni scias, ĉu ni ne devas akcepti la respondecon pri ĝi? Ĉu ni ne devas agi por eviti tiun ĉi suferadon, konigi tiun ĉi realaĵon kaj disvastigi pensojn, kiuj kongruas kun vere moderna homo?-.

## el POLLANDO

Krom la kutimaj prelegoj pri biologio ĉe la Universitato, lastatempe nia Reprezentanto en Pollando prof. *Antoni Pawel Tabacki* prelegis esperante dum la tutpollanda kongreso en Glivice pri la utiligo de la Internacia Lingvo, kaj nacilingve pri Esperanto okaze de la malfermo de ekspozicio pri E-literaturo en la urba biblioteko. Li estis intervjuita de lokaj radio kaj televido, kaj la plej ofta demando de ĉiuj ĵurnalistoj estis: - kiom da

Esperantistoj estas en la mondo?-. (Ni ne povas nombri la Esperantistojn, ĉar la plimulto el ili ne membriĝas en asocioj kaj estas disigitaj en la plej malproksimaj landoj; fakte multaj estas aŭtodidaktoj. Tamen, se ni asertas ke milionoj da samideanoj estas nuntempe el la mondo, ni certe ne eraras). La radia kaj televida elsendoj ricevis bonajn rezultojn. Artikoloj de prof. *Tabacki* aperis en revuoj, kaj li estas en kontakto kun multaj samideanoj. Somere li gvidas seminariojn ĉe la Silezia Esperanto Asocio en Wrocaw. Jen ekstrakto el seminario pri Rolo de Oksigeno en Nutraĵo:

## Rolo de Oksigeno en Nutrado

Sciencistoj nuntempe esploras kiamaniere nutrado agas sur homan sanon ne nur je korpaj organoj kaj histoj, sed je ĉeloj kaj molekuloj, kaj ili malkovris ke oksigeno ludas interesan rolon en la metabolo de korpaj ĉeloj. Oksigeno - ĥemia elemento vivodona - povas male ankaŭ ataki en toksa formo la korpain ĉelojn kaj per tiu formo kaŭzi obstrukcon en sangotuboj (angioj), arteriosklerozon, artik-inflamon kaj misfunkciadon de nervaj ĉeloj.Esploroj montras ke ekzistas rilato inter oksigeno kaj ĉirkaŭ 60 diversaj malsanoj kaj maljuniĝ-procezoj.

## Oksigeniloj kaj Antioksidantoj

Laŭ la teorio de d-ro *Helmut Sies* el *Düsseldorf*, Germanio, troa oksigenil-aktivedo iĝas malsan-apero. Ĉar ju pli homaj maljuniĝas, des pli ili estas oksidataj kaj konstante ili perdas freŝecon, oni sin demandas kial kelkaj homoj maljuniĝas pli rapide kaj aliaj malpli rapide; kiel ajn oni pli bone rezistas al maljuniĝ-procezoj; kial unu homo kontraŭstaras malsanojn kaj alia ne? Ĉu oni povas malakceli la detruajn procezojn en nia korpo? Laŭ d-ro *Sies,* la teorio de malsan-apero pro troa oksigenil-aktiveco estas jena:
En nia korpo batalas du fortoj t.e. la oksigeniloj kaj la antioksidantoj. Ekzistas ankaŭ la tiel nomataj bonaj oksidaj elementoj, kiuj agas sub regado de pluraj ĥemiaj reagoj en la metabolaj procezoj. Tamen tiuj oksigeniloj, kiuj ne obeas metabolan regadon, estas minaco konstanta, kiu celas detrui la organismon ene. Ili perfortas korpajn ĉelojn, detruas membranojn kaj eniĝas en ĉelojn, subigas genetikajn elementojn, kaŭzas rancigon de grasoj, kaj fine la morton de la ĉeloj. Tiu ĉi procezo ne estas rapida kaj ne kaŭzas doloron, ĝi daŭras jarojn kaj restas ne rimarkita ĝis la detruiga okazintaĵoj ne sumiĝas kaj montras la rezulton

de la procezo mem en formo de jam klare videblaj malsanoj t.e. inflamstatoj, malbona vidkapablo, doloro en torako, mensaj koncentriĝ-malfacilaĵoj kaj ofte ankaŭ en kancera formo.

**Antioksidantoj en Saniga Nutrado**

La antioksidantoj, kiujn ni akceptas per saniga nutrado, celas ŝirmi la korpajn ĉelojn kontraŭ la detruigaj oksigeniloj. Do, kiam en la organismo regas la malbonaj molekulaj fortoj kaj la antioksidantoj estas en minoritato por efike batali kontraŭ la oksigeniloj, tiam la organismo restas en la tiel nomata "oksigena streĉo", kiu estas samsignifa kiel risko de apero de diversaj malsanoj. Oksigeniloj povas aspekti diversforme. Plej bone konataj kaj esplorataj estas la liberaj radikaloj. Tiuj ĉi molekuloj senĉese serĉas ion por ĝin detrui. Ili estas "malpaciencaj", ĉar ili perdis sian ekvilibran staton; ili perdis elektronon kaj penas reakiri ĝin ĉie ajn , eĉ el ĉelaj konstruelementoj. Tiel kreiĝas ĉenoreago, per kiu liberaj radikaloj generas novajn liberajn radikalojn, kiuj siavice generas novajn kaj novajn.

**Liberaj Radikaloj povas ataki DNA-n**

Oksigenaj liberaj radikaloj povas ataki DNA-n (Desoksiribo Nuklea Acido) kaŭzante mutacieblecojn. Tio ĉi povas esti la unua paŝo al kancer-malsanoj. Liberaj radikaloj atakas ankaŭ graso-strukturojn en la ĉelaj membranoj kaŭzante ilian oksidadon, rancigôn kaj sekve detruiĝon de la ĉel-membrano; la oksigenita graso-molekulo brulas kvazaŭ torĉo detruigante ĉion en sia ĉirkaŭaĵo kaj kaŭzas oksigenigon de aliaj molekuloj; tiu ĉi procezo daŭras kaj plivastiĝas, kaj se ĝi ne estas haltigita, ĝi daŭre agas ĝis la tuta detruo de ĉeloj, histoj, ktp.

**De kie devenas oksigeniloj?**

Kelkaj oksigeniloj estas, kiel dirite, kromproduktoj de normala metabolo, ĉar la metabolo estas ĉeno de pozitivaj okisgenigprocezoj, kiuj kaŭzas la forburligadon de manĝaĵ-elementoj. Tiu ĉi procezo donas la necesan vivenergion al la organismo. Male, aliaj oksigeniloj estas influ-rezultoj de malbonaj elementoj, kiel ekzemple de jona radiado, malpura aero, herbovenenoj, industriaj toksoj, tabaka fumo, narkotaĵoj kaj pluraj aliaj;

ankaŭ frititaj mangaĵoj estas riĉaj je liberaj radikaloj.

## Ŝirmo kontraŭ Liberaj Radikloj

Por krei ŝirmon kontraŭ liberaj radikaloj oni devas provizi la korpajn ĉelojn je antioksidantoj, kiuj ne nur haltigos la invadon de la liberaj radikaloj, sed riparos la ĉelajn damaĝojn. Nutraĵoj, precipe plantoj, estas riĉe ekipitaj je diverstipaj kaj fortaj oksidantoj. Post la asimilado, ili migras en la korpajn fluidaĵojn, formante tie bonefikan defendon kontraŭ oksigeniloj. Bonaj antioksidantoj estas kveretino, luteino, glutationo, kaj bona influo havas vitaminoj C, E, beta-karoteno kaj seleno.

## Damaĝoj kaŭzataj de Liberaj Radikaloj

Liberaj radikaloj povas kaŭzi:
- transformiĝon de LDL-kolesterolo je toksina formo, kiu povas bloki sangotubojn (angiojn)
- atakon kontraŭ genetikaj elementoj (DNA) en la korpaj ĉeloj kreante mutaciojn, kiuj povas porti al kancer-malsanoj
- difekton de la ĉeloj en okuloj
- altigon de sangopremon
- nervajn malsanojn
- inflamŝanĝojn en la korpo, kiuj kaŭzas artritismon kaj astmon
- malfekundecon kaj sterilecon

## Konsilindaj Antioksidantoj

Elektante fruktojn kaj legomojn, ni serĉu tiujn, kiuj havas pli intensajn kolorojn. Ju pli verdaj, ruĝaj, flavaj, aŭ oranĝkoloraj estas la fruktoj kaj legomoj, des pli da antioksidantoj ili enhavas. Fruktoj kaj legomoj freŝaj aŭ frostigitaj enhavas pli da antioksidantoj ol la longe kuiritaj aŭ alimaniere konservataj. Plej multe da antioksidantoj enhavas, inter aliaj, la jenaj fruktoj kaj legomoj:
- ruĝaj vinberoj (blankaj kaj verdaj ne estas tiel riĉaj je antioksidantoj)
- ruĝa kaj flava ĉepo
- brasiko, florbrasiko, brokolo (ne kuiritaj aŭ mallonge kuiritaj)
- ajlo ne kuirita
- olivoleo de la tiel nomata unua akcepto, kiu estas farita sen hejtado
- ruĝa pompelmuso
- ĉiuj fruktoj enhavas pli multe da antioksidantoj, ol ilia suko havas
- sukoj freŝpreparitaj
- karoto, kukurbo, citrolo, dolĉaj terpomoj, ktp.

# Kio estas VEGETARA vivado?

**d-ro med. S. Selss**

La provoj de eksterstarantoj, speciale de medicinistoj, ordone formuli al ni, kio severdire estas vegetara vivado, estas tiom multnombraj, kaj la konfuzoj tiamaniere kaŭzataj en la publiko per vortoj de posedantoj de estimataj nomoj estas tiom grandaj, ke certe penindas esplori unufoje ĉi tie ĝisfunde la suprediritan demandon. Ni devas pustuli por ni la rajton decidi mem tiun ĉi demandon en nia propra medio.

La nomo "vegetaristo"* estas laŭtradicia, kaj ĝi esprimas la evoluon de nia movado. Tio estu dirata antaŭe por for-meto de ĉiu ajn kritiko pri la vorto, kiun oni ofte provas ene kaj ekstere je niaj medioj. Ni bone konscias, ke ne ekzistas nomo, kiu tute kongruas al la ideo ligata al ĝi; ke ĉiu esprimo dum sia evoluo povas enpreni en sin flankajn signifojn, kiuj ne troviĝas inter la limoj de la origina nomo; sed tiu fakto ne donas al ni la rajton deklari la nomon netaŭga aŭ forigi ĝin. Tute konsciante pri tio ĉi, ni do akceptas la nomon "vegetaristo".

Pro bone esplori la signifon de la vorto "vegetaristo" kaj tiel la demandon mem, kio estas vegetara vivado, oni bezonas konojn pri antikvaj lingvoj. Tial estas nekompreneble por multaj, ke de unu vortradiko povas deriviĝi vortoj, en kiuj la ideo de la radiko evoluis laŭ tute malsimila direkto. De la latina verbo "vegeo", kiu signifas: esti vigla, fortika, nekaduka, bonfarta, venas du malsamaj vortoj, kiuj enhavas la radikon: "vegetus" kaj "vegetabilis". "Vegetus" signifas sana, nekaduka, fortika, vigla; "vegetabilis" signifas kreskaĵa, prenante la kreskaĵon kiel simbolon de vivforto en la naturo. Personoj, al kiuj mankas scio pri antikvaj lingvoj, ĉiam interkonfuzas tiujn malsamajn vort-ideojn: ili anstataŭigas la unuan per la dua, kiu estas pli ĝenerale konata. Pro tio oni altrudas al la vegetaristo la kreskaĵan nutraĵon kiel tiun, kiun li pro sia nomo ekskluzive je ĉio alia manĝas. Tamen, la principo esprimata per la vorto "vegetaristo" ne aludas nur limiĝon al kreskaĵa nutraĵo, sed celas la uzadon de tiaj nutraj aŭ ĝudonaj manĝaĵoj, kaj garantias al la korpo sanon, fortikecon, nekadukemon kaj viglecon. Sed

ni estas pli esploremaj kaj deklaras ankaŭ kelkajn vegetabilaĵojn malutilaj kaj vivdetruantaj aŭ almenaŭ vivmallongigantaj. Jam pro tio la vortoj "vegetaristo" kaj "vegetabilisto" ne estas samsignifaj.

Tiuj vegetaristoj, kiuj evitas ankaŭ ovojn, lakton kaj laktaĵojn, ne faras tion tial, ke la vorto "vegetaristo" devigas ilin al tio, sed aŭ pro etikaj motivoj aŭ pro tio, ke per observadoj ili kredas esti trovintaj, ke ankaŭ tiuj produktoj kiel nutraĵoj ne estas utilaj por la homa saneco. Evidente tiu ĉi vidmaniero prezentas la estontan formon etike kaj higiene pli maturan de la vegetarismo. La nutriĝo per lakt-ov- kaj kresk-aĵoj kiel transira formo estas subtenebla nur tiom longe, kiom la kulturo ankoraŭ ne evoluis laŭ vegetaraj principoj. Sed tio estas nur flankaj rimarkoj. Tie ĉi ni devas esplori nur, kio laŭ lingva derivado ĝuste kaj prave estas "vegetara vivado", kaj nia esploro donas al ni neniun motivon por simple deklari "vegetariston" "vegetabilisto".

Ne ekzistas principoj reguldonaj pri la prosaneca nedanĝereco de iu aŭ alia nutraĵo kaj nutroreĝimo. Sed ĉiuj vegetaristoj sentas sin interligitaj per la konscia serĉado al prosaneca perfekteco kaj plen suficeco de la homa nutraĵo. Precize tiu konscia celado al perfektiĝo al la homa nutraĵo diferencigas la vegetaristojn de aliaj homoj, kiuj senkonscie vivadas kaj manĝadas sen esploro pri tio, kio flatas ilian langon, al kio ili estas kutimigitaj de la plej frua infaneco aŭ kion laŭ plaĉo servadas al ili ilia patrino, ilia kuiristo aŭ ilia kuiristino.

Estu jesate, ke por la diet-sciencaj esploroj pri la valoro de la vegetara vivmaniero estus pli simple kaj pli oportune paroli, rilate je tiu nomo, nur pri unu sola, firmlima nutroreĝimo; sed tia firma limo mankas, ĉar ĝi ne estas postulata de la ideo de la vorto vegetarismo; kaj ĝi ne povas esti altrudata per instruoj de medicinistoj, kiuj por si celadas simpligon al la diet-sciencaj demandoj farataj al ili. Same, kiel la vorto "miksita manĝaĵo" lasas tre ampleksan larĝecon pri la kunmetado de la manĝaĵoj, oni nek povas postuli de la vegetara manĝaĵo, ke ĝi laŭ firma dogmo limigu sin al unu sola firma nutraĵ-reĝimo nur pro la oportuno de la medicinistaj esplorantoj, kaj por faciligi al ili la esploron al la multaj nutraĵoj, kiuj ĉiuj laŭ kutimo kaj logiko apartenas al la vegetara nutraĵo; sed kiuj de la medicina scienco dum tro longa tempo estis

neatentataj. Inter ili estas: la lakto-ovo-kreskaĵ-nutraĵo, la kreskaĵ-nutraĵo, la nekuirita nutraĵo ĝenerala, la nekuirita kreskaĵ-nutraĵo, la pan-frukt-nutraĵo, la frukt-nutraĵo kun kaj sen nuksoj kaj multaj pliaj transiraj ŝtupoj, kiuj ĉiuj estas esplorindaj, sed ne povas esti juĝataj laŭ unu sola vidpunkto; kaj kiuj en siaj multaj detalaj formoj povas esti konataj nur de tiuj, kiuj dum sufiĉa tempo okupis sin pri la literaturo kaj la praktika vivmaniero de la vegetaristoj.

Ni do definitive konstatu, ke la principo esprimata per la vorto "vegetaristo" neniel postulas tion, ke oni deklaru la kreskaĵan nutraĵon la sola prava homa nutraĵo, sed tion, ke oni prenu nur tian nutraĵon, kia konservas la korpon dum laŭeble longa tempo laŭ ebleco plej freŝa, fortika, vigla kaj energia. Sed eĉ al tiu ĉi principo ni ne restis gluitaj; ĉar ni ne ligis nin al vorto. La vorto estas senenhava, se ĝi ne enhavas la bezonatan spiriton. Nu, ni trovis, ke ne sufiĉas garantii al la homo la korpan sanecon, sed ke ankaŭ ĝia spirito kaj ĝia animo, bezonas porsanecan flegadon. Transpasante de la kondiĉoj por la prava korpa nutriĝo, ni prenis la kutimon esplori ĝenerale la vivkondiĉojn de la homo kaj kontentigi ilin en la interna kaj en la ekstera vivo. Farante tion, ni samtempe akcentigis la intiman kunligitecon, en kiu staras la korpa kaj la spirita vivado, kaj kiu neapartigebligas tiujn du vivfunkciojn.

Jen la punkto, kie komenciĝas la vegetara sistemo: rigardi la vivon kaj la universon. La ŝajne nur ĝuema materialismo, kiu estas esprimata per la serĉado al perfektigo kaj purigo de la nutraĵo de la korpo, fariĝas idealismo, se ni rigardas ĝin kiel la nur eksteran esprimon de tiu celado, kiu volas akordigi la korpon kaj la animon. Jen la morala pliprofundiĝo de la vegetaraj principoj, kiu ĝustatempe komenciĝas je la korpa nutrado por poste alveni ĉe la flegado de la anima vivo, tiamaniere, ke tiu ĉi lasta fariĝas supera kaj konsideras la zorgon al la korpo nur kiel tute kompreneblan flankan kondiĉon. Ni firme subtenas la konvinkon, ke malakordo inter korpa kaj anima dieto ne devas ekzisti kaj ke nur tiu ĝuas plenan akordon de sia ekstera kaj sia interna vivado, ĉe kiu neniam montriĝas malkonsento inter tiuj du vivfunkcioj. Ekzemple, kio ĝenas la korpan bonfarton, kiel la viandmanĝado, tio devas renversi ankaŭ la animan ekvilibron, la moralecon. La perforta uzurpo, kiun la

viandmanĝanto faras al la rajto al ekzisto de niaj alte evoluintaj kunvivantaĵoj, de la bestoj, tiu uzurpo ne povas esti morala; ĉar ĝi ne estas laŭnatura. Ofendo al la rajto de la besto kaj malutilo al la homa korpo kuniĝas en la viandmanĝado. Kiel la vegetara literaturo detale montras al ni, la viandmanĝado samtempe ĝenas la homan sociordon kaj ĝian evoluon al io pli alta. Mallonge, malutilo okazas al la homo laŭ ĉiu vidpunkto, se li nutriĝas per viando kaj konservas tiun nutromanieron.

Tiu ĉi pli alta vegetara vidmaniero vidigas denove al ni, kie severdire kuŝas la regulo, kiu difinas nian korpnutraĵon kiel samtempe spiritedukan nutraĵon. Ĝi vidigas al ni, kiuj estas niaj veraj vivkondiĉoj kaj, ke ni povas ĝui vivon plenan je interakordiĝo de ĉiuj vivsentoj kaj vivfunkcioj nur tiam, kiam ni akordiĝas al ili. La nevegetara vivado estas karakterizata per tio, ke la homo nek konas nek serĉas regulon, por aranĝi sian vivmanieron kaj igi ĝin interne kaj ekstere, korpe kaj morale akordiĝanta. Sed la vegetara vivado konsistas el tio, ke ĝi konas tian regulon aŭ almenaŭ fervore klopodas por trovi ĝin. Tiu regulo estas simple la homa naturo. La celo de la vegetaristo do estas esplori la naturon de la homo kaj vivi laŭ tiu ĉi naturo ĝia. El tio rezultiĝis kutimdiro ofte maltrafa kaj supraĵe komprenata. Tamen, nenio estas pli kontentiga por la homo ol serioze esplori tiun demandon, kiel ĝi vere ĝisfunde komprenas sian naturon kaj povas vivi laŭ ĝi. Sed ni ne estas tiom arogantaj, ke ni asertas, ke ni jam ĝisfunde esploris la homan naturon. Kun korsoleneco kaj modesteco ni dediĉas nin al tiu ĉi alta tasko. Sed tion ni ne povus fari, se ni trankviliĝus per la penso, ke tiu ĉi fako jam estas plene elesplorita, ke la penslaboro estas jam finita. Alimaniere ni vere estus tio, kion niaj kontraŭuloj kelkfoje riproĉas al ni: dogmoadorantoj. Ne pretajn dogmojn donas la vegetarismo: sed taskojn ĝi donas al ni, por kies solvo ni ĉiuj devas kunlabori. Sen tiu celado, sen tiu kunlaborado de ĉiu ĉenero nia vivado estus senenhava kaj dezerta: ne ekzistus la vivbatalo, kiun ni ja bezonas por konservi niajn artikojn flekseblaj, nian penskapablon vigla. La posedo de la vero ankoraŭ neniun daŭre feliĉigis, sed la sento, ke ni estas kapablaj kaj sur la prava vojo por serĉi ĝin, tion faras.

Fine, ni resumigu, kion tiuj ĉi konsideroj instruis al ni por la respondo al la demando farita per la titolo. Vegetara

Vivado signifas serĉi ĝisfunde, esplori ĉion, kio kongruas al nia korpa kaj spirita naturo, kio al ĝi utilas kaj ĝin plipotencigas. Vegetara Vivado signifas plue fari ĉion, kio laŭ nia propra sperto kaj laŭ la bone kolektitaj kaj kribritaj spertoj de niaj kunhomoj kongruas kun nia korpa kaj spirita naturo. Kaj fine, Vegetara Vivado signifas respekti Naturon, kaj eviti tion, kio korpe, spirite kaj morale estas malutila al ni mem kaj al aliaj estaĵoj. Por tiu ĉi grandampleksa ekkono ni bezonas kaj ĝoje akceptas la helpilojn de la spertado kaj de la scienco, kaj neniu ajn scias ŝati pli alte kaj utiligi pli multe la veran sciencon, verajn elspertadajn instruojn, ol ni vegetaristoj, laŭdire malŝatantoj de la scienco. Precize pro tio, ke ni konsideras la vivon arto, arto, kiu des pli altiĝas ju pli ĝi akordiĝas al la vera naturo, precize pro tio ni devas ekzameni nian tiucelan helpilon, la sciencon, per la severe kribranta racio, kiu instruas al ni diferencigi inter vero kaj malvero.

* *En tiu ĉi artikolo de d-ro med. Selss, redaktoro de "Vegetarische Warte" ("Vegetara Observejo", revuo por laŭnatura vivarto), kiun O. Bünemann kun permeso de la aŭtoro tradukis, estas uzata la vorto "vegetaristo", kies senco estas pli strikta kaj esperante pli laŭregula ol "vegetarano".*

** *"Vegetabilisto" estas uzata por doni ĉi tie laŭvortan sencon de la dua vorto "vegetabilis" derivita de la sama latina radiko "vegeo", kiu rilatas tiun, kiu sin nutras nur per vegetaĵoj. La vorton "vegetarano" oni uzas ĝeneralsence.*



**Ĉu vi estas simultana tradukist(in)o? Se jes, bonvolu plenigi la ĉikunan respondilon kaj resendi ĝin al nia Sekretariejo. Ni bezonas simultanajn tradukist(in)ojn por internaciaj ne-esperantistaj kongresoj.**



# VALORO DE RIDETO

*Donaci rideton*
*feliĉigas koron.*
*Ĝi riĉigas tiun,*
*kiu ĝin ricevas*
*sen malriĉigi tiun,*
*kiu ĝin donacas.*
*Nur momenton ĝi daŭras,*
*sed la memoraĵo pri ĝi*
*longtempe restas.*
*Neniu estas tiel riĉa,*
*ke li povas ĝin malhavi,*
*nek tiel malriĉa,*
*ke li ne povas ĝin donaci.*
*Rideto ĝojigas familion,*
*en laboro donacas subtenon.*
*Ĝi estas signo*
*tuŝebla de amikeco.*
*Ĝi malŝarĝigas tiun,*
*kiu estas laca,*
*renovigas kuraĝon en malfacilaĵoj;*
*ĝi estas kuracilo por malĝojoj,*
*kaj se hazarde vi renkontas iun,*
*kiu ne prezentas ĝin al vi,*
*estu bonkora,*
*kaj prezentu al li la vian:*
*neniu tiom multe rideton bezonas,*
*kiom tiu, kiu donaci ĝin ne scias.*

**P. Faber**

Tradukis Filomena Canzano (pr. Kancano)

# HEJMECAJ GUSTOJ EL MAREMO

La regiono Maremo *(Maremma)*, marborda ebenaĵo de centra Italio, estis menciita en E/V 1997 kun loka, kampara recepto. Pliajn receptojn el la verko *"La Cucina Maremmana"* (La Kuirarto Marema) de *Aldo Santini* ni aldonas ĉitie.

La ĉarmo de la sovaĝa, melankolia naturo de Maremo inspiris precipe en la 19-a/20-a jarcentoj, poetojn, pentristojn, muzikistojn, kiel ekzemple *Giosuè Carducci* (pr. Ĝozuè Karduĉĉi) *Nobel*-premiito pri literaturo; *Giovanni Fattori,* (pr. Ĝovanni Fattori) la plej grava inter la "makuletistoj" tiel nomataj pro ilia pentrado je makuloj; *Giacomo Puccini* (pr. Ĝàkomo Puĉĉini) aŭtoro de *Manon Lescaut, Bohème, Madama Butterfly, Tosca, Turandot,* ktp. En la turo *Tagliata* (pr. Talljata) apud *Ansedonia* (*Grosseto*), li verkis parton de sia lasta opero *Turandot.*

La bildo de tiutempa Maremo tute ŝanĝiĝis, kaj nuntempe ĝi plenfloras je vivo kaj somere ĝi altiras grandnombron da turistoj; tamen en la kuirarto la gusto por naturaj kaj hejmecaj pladoj restas. Jen la receptoj, el la verko de *Aldo Santini "La Cucina Maremmana"*, tradukitaj en nia lingvo:

## Maremaj Makaronioj

por 4 personoj
300 g da faruno
2 ovoj
olivoleo
salo

Aranĝu la farunon kratere sur la knedotabulo, kaj enmetu ovojn, akvon, salon kaj iomete da olivoleo. Kirlu komencante de la centro, ĝis la ensorbo de la tuta faruno. Knedu bone la tuton. Se la knedaĵo estas tro malmola, aldonu varmetan akvon; se ĝi estas tro mola, aldonu iom da faruno. Kovru per buŝtuko la knedaĵon, kaj lasu ĝin ripozi almenaŭ kvaronhoron. Rulpremu la knedaĵon per rulbastono aŭ maŝino, tranĉu striojn el ĝi, ne tro maldikaj, 2/3 cm-ojn larĝaj, ĉirkaŭ 20 cm-ojn longaj; sternu sur tablotukon kaj kovru ilin. En bolpoton kun abunda akvo metu, kiam akvo bolas, salon kaj iom post iom la makaroniojn; turnu kaj kontrolu la ĝustan kuiron; kiam kuiritaj, senakvigu ilin. Metu iom da saŭco kaj da raspita Parma fromaĝo en supujon, poste la makaroniojn, daŭrigante tiele tavole. Oni povas gustigi la makaroniojn per tomata saŭco aŭ per butero, kompreneble kun Parma fromaĝo aŭ ŝafa fromaĝo raspitaj.

